# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 09/05/2015 Ducent deksesa eldono 09/05/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas ekzemplerojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero. (per tio al la mondo)**

# 69. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## Kelkaj eraroj korektindaj. B.



Se vi havas demandon pri kial mi foriris, via demando estas "kial", do la kialo. Vi do diras "Mia kialo estas¸kial ci foriris?". Mia respondo egalas al "tial", do la tialo. Kaj vi deziras scii tiun tialon, tiun "tial". Do mia respondo estas la tialo (= the reason). Vi ne bezonas peti la kialon, ĉar vi mem demandis "kial?". Tamen plej multaj homoj ankoraŭ diras la malĝustan "kialo" por la bezonata tialo. Ne estas stranga, ke Zamenhof kaj liaj samtempuloj uzis la malĝustan vorton, ĉar ankaŭ la eŭropaj lingvoj, kaj jam Latino, uzis ĝin, sed estas senesperiga ke la modernaj Esperantologoj ne korektis la eraron, malgraŭ ke mi tion indikis al ili jam antaŭ dek jaroj en mia libro "Lingvaj resondoj". Ĉu ni bezonas ne-Esperantistojn por korekti nian lingvouzon, samtempe eltrovante, ke la Esperantistoj mem eĉ ne kapablas uzi sian lingvon ĝuste?

Marcel Leereveld.

# Esperanto-Domo Sidnejo



La 3an de majo 2015 okazis kunveno.
Aferkunveno je la 11atm kaj lunĉo ktp je la 1ptm.
Venis 8: Roger & Mei Springer, Gerry Phelan, Jonathan Cooper, Nicole Else, Jano Wylles, Margaret Chaldecott kaj Volo Gueltling.
La vetero estis tre malseka kaj ne bona. Jonathan prelegis pri la estonteco de Esperanto, Gerry prelegis pri malutileco de militoj, Roger pri la retejo Facila Vento

★★★★

Merkredon la 6an de Majo venis Roger Springer, Margaret Chaldecott kaj Ian Wylles. Ian ekfunkciigis la novan ED komputilon



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Je la 2a de Majo venis Eunice, John, Chris, Roger, kaj Ian. Estas amika konversacia grupo.




Katalin Kovats, Eunice Graham, Janet McClelland, Irina Timonin

Jen malnova foto de 1996 kiam Katalin Kovats vizitis Manlion.

Amike, Nicole

Ĉu Irina ankoraŭ vivas? Kiom aĝa ŝi estas? 100?



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



"La Melburna Esperanto-klubo renkontiĝis pasintan lundon kaj bonvenigis gaston, Pierre Humbert el Nov-Kaledonio kiu feriis en nia bela urbo.

Kelkaj de niaj membroj ankaŭ renkontiĝis por registri la libron Lilio kiu estos legata dum Julio kaj Aŭgusto en la 3ZZZ radio elsendo.
Heather"

# Jutubaj filmetoj

★★★★



## Stephen Fry esperanto

Sendis Henriette

http://www.youtube.com/watch?feature=endscreen&NR=1&v=Hn-9sKobYlw

Apenaŭ io pri Esperanto, nur ĝenerala babilado pri lingvoj.

★★★★



## Richard Delamore  La akuzativo

Jen plia filmeto de Richard en Esperanto pri la fakto ke ni akceptu ke Esperanto havas akuzativon.

https://www.youtube.com/watch?v=blZn2joAqyY



Amike, Nicole

★★★★

# 3ZZZ Melburno

# Eĥo de 3ZZZ





Ĉu vi ŝatas aŭskulti kantojn en Esperanto kaj konatiĝi kun kantistoj, kiuj kantas ankaŭ en Esperanto?
Aŭskultu la elsendon en Esperanto de la 4a de majo 2015 de la radio 3ZZZ , Alan Bishop  donas informojn pri Manuel, kiu publikigis jam plurajn kompaktdiskojn. Eblas aŭdi ankaŭ la kantojn "amatino de mia amiko" kaj "la fremdul'" el la kompaktdisko Mirindaĵoj de Manuel.
Iru al la retejo de la radio www.3ZZZ.com.au kie ĝi aŭdeblos ĝis la 11a de majo aŭ iru al la arkivejo www. esperanto.com.au kiam ajn vi deziras.
agrablan aŭskultadon,
la kunvokanto de la Esperanto grupo en la radio 3ZZZ
Franciska Toubale

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## La dua surpriza vizito de Osla Universitata Lektoro DR.PR. Stop-Bowitz 13-9-1983 (Daŭrigota)



Stop-Bowitz venis je posttagmezo al mia domo. Poste, ni iris al la hejmo de Izabel kaj renkontis la aliajn. Karlo faris prelegon, ni babiladis, havis kafon kaj kukojn. Fine ni revenis ĉe mia hejmo por tranokti. Ankaŭ Herberto tranoktis ĉi tie kaj Fay ĉe la hejmo de Lizabet.

Frumatene ni havis manĝeton kaj ekveturis rekte al la farmo de la ĉefestro de regiono. Certe ni sciigis lin ke ni venos frue ĉar la profesoro devos reveturi al Sidnejo. Kiam ni atingis la farmon, KARLO STOP-BOWITZ, deziris ke oni tuj montru la lokon de gigantaj vermoj. La ĈEFO respondis « unue ni havu iom por manĝi kaj trinku iom da BRANDO. La vermoj devis atendi.» La ĉefo gvidis nin al la kamiono kiu havas ŝarĝ-remorkon en kiu ili transportas bestojn. Ni surgrimpis por sidi tie. En la remorko estis besto-fekaĵoj. Tamen ni trovis iun lokon por apogi nin. La stiristo (ŝoforo) veturis tra la farmo ĝis la rivereto. Tie ni alprenis fosilojn kaj komencis elfosadi inter la radikoj de la arboj. KARLO atente aŭskultadis la sonon de la vermo-forglitado, kiu similas al la sono de suĉado. Fine jen la vermo, ne tro longa, proksimume 40 centimetra. Ju pli ili fosadis des pli ili elfosis grandajn vermojn. La plej granda estis ĉirkaŭ 1.10 metra. Karlo prenis 7 en unu plasta ujo. Karlo estis ĝojega vidi kaj aŭdi la suĉadon de ili. Dankante la posedanton de la farmo pro lia helpo, ni reveturis hejmen. Survoje ni iris al la esperantistoj kiuj organizis kunvenon en kiu ili havis unu gigantan vermon. Karlo dankis al organizantoj kaj diris ke li jam havas 7 vermojn. La organizanto montris sian vermon, kiu estis proksimume 0.20 centimetra. Revenante hejmen, Karlo diris al mia edzino montrante siajn vermojn, « hodiaŭ estas la plej feliĉa tago en mia vivo». Zora eksurpriziĝis, ŝi ne povis imagi ke persono povus feliĉiĝi pro vermo.

Pri Herberto kaj Fay: ili estis ĉe la sama kunveno kaj tranoktis ĉe ni kaj Lizabet. Mi diros iom pri lia karaktero. Li estis persono kiu ne multe respektas aliajn. Kontraŭe lia edzino, Fay, estis tre ĝentila, respektinda, inteligenta, edukita, bonega Esperantistino, membro de UEA, konata konsultanto. Ŝi meritis laŭdon kiel persono kaj kiel Esperantistino.



Sendis Svetislav Kanaĉki

## Informilo de la UN-oficejo de UEA

*Numero 16, Majo 2015*

**informiloj-de-esperanto-por-majo-2015**

# Kunveno prilumis nuklean malarmadon

**28 aprilo.** Teni viva la memoron pri Hiroŝimo kaj Nagasako estas fundamente grava aspekto de la antaŭenigo de paco kaj internacia kompreno. Jen la mesaĝo kiam Universala Esperanto-Asocio gastigis YAMAOKA Michiko kaj OSIOKA Taeko ĉe Unuiĝintaj Nacioj la 28-an de aprilo.

Ktp

En sia enkonduko, sinjorino Yamaoka rimarkis: "Mi estas Memortenanto. Tio signifas, ke mi rakontas al la juna generacio la historion de la atombombaj viktimoj. Mi rakontos pri mia patrino, kiu estas travivanto de la atoma bombo. Bedaŭrinde la fratino de mia patrino mortis pro la bombado. Tiutempe mia patrino estis 20-jara kaj ŝia fratino havis 13 jarojn. Nun mia patrino estas en hospitalo; jam de kvin jaroj ŝi ne kapablas paroli, promeni aŭ sin nutri sen tubo. Ŝi nun havas 90 jarojn. La transvivantoj de la atomaj bomboj ne rekte kulpigas usonanojn. Ili komprenas la rolon de Japanio en la milito kaj la konsekvencojn de tiu partopreno. Kion la transvivantoj malamas estas la milito mem. Aŭdante pri iliaj rektaj spertoj vi eble kondukiĝos al la sama konkludo."

ktp

Oficejo de Universala Esperanto-Asocio ĉe Unuiĝintaj Nacioj: 777 United Nations Plaza, New York, NY 10017

## Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 188 | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| .3ZZZ Esperanto-programo | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ |
| | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas